世界语 AE238

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 08/10/2015 Ducenttridekoka eldono 08/10/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale



SENDATA AL 315 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon ABC nova

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## El Ĉinujo 中国武汉 Roĝer vizitas Ĉinujon ĝis 29-Novembro -2015

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sendu respondojn ktp al mi, rspring@tpg.com.au

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estas pli ol 150,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 91. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Prepozicio aŭ Akuzativo? B.

Ni vidis pasintnumere, ke teorie la akuzativo povas anstataŭi ĉiun ajn prepozicion uzativo? Sed kial tio praktike ne eblas? Jen la tialoj:

Ĉar ĉiu prepozicio havas sian propran signifon malsaman al la aliaj, ĉe la akuzativo oni perdas la signifon. Do “La kato sidas la tablon” povus signifi “sub la tablo” kaj “sur la tablo” kaj “apud la tablo” kaj multajn aliajn. Do ni povas uzi la anstataŭan “-n” nur en kazoj, kie ni scias, kiun prepozicion la “n” anstataŭas. Tio parte dependas de naturaj tialoj kaj parte de niaj konvencioj.

Sekvontnumere ni vidos, en kiuj kazoj ni povas uzi la akuzativon anstataŭ prepozicion.

Marcel Leereveld.

# Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



La **GASTDORMEJO** devas antaŭmendati de estontaj Esperantistaj gastoj.
Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al: La Sekretario-- janowylles15@gmail.com; La Prezidanto-- rspring@tpg.com.au; **kaj** La Federacio-- nsw@esperanto.org.au; Dankon!
Kam Lee kaj May O'Halloran venos la 29an de Oktobro ĝis la 4a de Novembro.
Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

Roger kara
Dankon pro ankoraŭfoje bela AE - ĉi tiu el Ĉinio. La fotoj pri via ĉina familio, la gastema Hungaro, kaj la adelajda kvizo estas ĉarmplenaj.
Kaj la artikolo de Marcel ege pensiga!
Dankon kaj ĝuu la restadon en la oriento - fakte nordo!
Vera Payne





Ĉinujo, la lando de grandegaj kaj multegaj aŭtoj Kutime veturas malpli ol 20 kilometrojn po horo.

Kara Roger, Mi ĵus legis AE 237. Vi skribis, ke ni ŝanĝu la numeron en AE 236 de 235 al 236. Kiel? Viaj AE ĉiam venas kiel "PDF". Por ŝanĝi ion ni estas devigataj aĉeti specialan programon kiu ja ne estas malmultekosta. La sola kiu povas ŝanĝi tion estas vi, se vi havas tiun programon, aŭ kopion kiu ne estas ''PDF''. Saluton, Volo ★★★★

Kara Volo, La korektita "PDF" kopio estas havebla ĉe
http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo Amike Roger Springer

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

Jen kelkaj esperantistoj dum la kunveno hodiaŭ. Amike, Nicole 4 Okt 2015




**Jonathan Cooper** **Gerry Phelan** **Dmitry Lushnikov** Andrew Spannenberg

La estraro kunvenis 4an de oktobro ĉe la Esperanto-domo je la 11-a horo. Ĉeestis Dmitry, John, Jonathan, Nicole kaj Gerry. Jano pardon petis. Andrew de Novkastelo ĉeestis ankaŭ Bob Bain.

Ni diskutis aranĝojn por la Zamenhof Tago, la 13an de decembro. Andrew parolis pri la Festivalo de Lampoj, en Maitland, je la venonta sabato. La kunsido estis bona kaj utila afero.

Poste ni tagmanĝis. Diane Lukes alvenis kaj restis por la paroladetoj. Nicole kaj Jonathan parolis pri la centjara UK en Lillo, Francujo. Ankaŭ Dmitry parolis.

Amike, Gerry Phelan

## Se vi ne informas min, AE ne povas informi niajn 315 ricevantojn.

Sendu novaĵon (eĉ mallongan), bildojn, fotojn al mi eĉ dum mia foresto en Ĉinujo

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

# La pola ŝtata fervoj-entrepreno akceptis la trajno-nomon ESPERANTO!




En la fino de la voĉdonado, anoncita semajnon antaŭe, la nomo Esperanto havis 3940 voĉojn, la nomo Narew 2509 voĉojn, Bojary 200 voĉojn.
La interurba rapidtrajno "IC Esperanto" funkcios ekde decembro, kaj denove aŭdeblos la nomo Esperanto en polaj stacidomoj. **(Pli frue jam funkciis trajno kun la sama nomo inter Białystok kaj Warszawa, sed ĝi estis nuligita en junio 2013, ĉar uzis ĝin nesufiĉe multaj pasaĝeroj.)**
**KORAN DANKON AL ĈIUJ VOĈDONINTOJ EN LA TUTA MONDO!**
**Via voĉdono multe helpis en la diskonigo de Esperanto en la pola ekstermovada medio. Sen via helpo la sukceso ne estus atingita!**
Sinceran dankon al ĉiuj kunlaborintoj, voĉdonintoj! **Szilvási László**



# 3ZZZ Retradio Melburno

Oktobro estas grava monato por la radio 3ZZZ. Tiam okazas radiotono Ĉiu grupo devas arigi $1000 por ĉiu horo da elsendado dum la semajno.

Tio estas des pli grava ke minacas la ebleco ke la registara subvencio estos malaltigita aŭ eĉ malaperos.

Kompreneble kostas monon por konservi la ekipaĵon en la studioj en bona stato aŭ ĝisdatigi ilin kaj regule trejni la elsendantojn

La donacoj de pli ol $20 eniras loterion

Kiel kutime **Henry Broadbend,** nia kasisto, organizos la ricevon de donacoj kadre de radiotono. Se Henry ne vokas vin telefone, eblas kontakti lin je la numero **03 59832731.**

Vi bezonas numeron de registrado de via donaco – Henry diros al vi kio ĝi estas- kaj poste eblas pagi per ĉeko aŭ bankkarto

Se vi ĝuas la programojn en Esperanto , subtenu la radion, kiu regule elsendas ekde 1989.

Se mi forgesis doni informojn, kiuj gravas al vi, iru al la retejo de la radio www.3zzz.com.au por havi pli da detaloj pri radiotono 2015

La kunvokanto por la grupo Esperanto en 3ZZZ,

Franciska Toubale

# La broŝuro kaj la libreto




estas haveblaj ĉe la Esperanto-Domo. Prenu kopiojn por interesigi la homojn. Ni havas la propagandilojn. Mi petas ke vi uzu ilin.

Roger Springer







## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 | 236 | 237 | 238 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | ■ | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | | ■ | | ■ | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas